# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 35 (6) NOVEMBRO - DECEMBRO/83



E S T R A R O   D E   A. E. A.

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vicprezidanto: S-ro Adonis González
Sekretario: S-ro Luis Muñiz
Kontisto: S-ro Manuel Fernández
Kasisto: S-ro Ildefonso Domínguez
Bibliotekisto: S-ro Julio Argüelles
Gekomitatanoj:
F-ino Pilar Alonso
S-ro Gervasio Colunga
S-ro José Ordieres
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román

A D R E S O   D E   A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918        GIJON - 6


- - - - - - - - - -




E N H A V O



La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.

# NIA ANTENO




Jen tri momentoj de la interesa, diversa kaj riĉa Programo, kiun nia Asocio organizis kiel omaĝon al L. L. Zamenhof, iniciatinto de la Internacia Lingvo Esperanto, en la 124-a datreveno de lia naskiĝo.

Momentoj, kiujn per fotografado ni kaptis por la Historio de nia Movado.

En la unua fotografaĵo grupeto da gesamideanoj en la strato ESPERANTO,kie oni metis florbukedon ĉe la koncerna nomtabulo.



La dua fotografaĵo kaptis la prezidan tablon, dum la interesplena parolado de S-rino Rafaela Urueña, Prezidantino de Hispana Esperanto- Federacio.

Per la tria fotografaĵo ni montras la komencon de la fino de la Programo, t.e. la bankedon. Temas precize pri la prezidanteca tablo ĉe kiu sidas, maldekstre - dekstren, s-ano Santiago Mulas, Prezidanto de nia Asocio; s-anino. Maria Rafaela Urueña, Prezidantino de H.E.F.; s-ano Luis Hernández, Sekretario de nia Federacio, kaj s-ano. Adonis González Meana, Vic-prezidanto de Astura Esperanto-Asocio.



Iom pli ampleksan raporton vi povas legi en la sekvanta folio. Ni nur aldonu, ke pri la ZAMENHOF-TAGO informis la lokaj ĵurnalo kaj Radiostacio. Ankaŭ la ĝeneralan publikon ni antaŭtempe informis pere de oportunaj flugfolioj enhavantaj noton pri L.L. Zamenhof kaj Esperanto kaj la Programon.

ADONIS.-

## LA TAGO DE ZAMENHOF

La 124ª datreveno de la naskiĝo de nia Majstro estis solenata far nia Asocio en la 18ª de Decembro. La Verda Tago komencis proksimume je la 11ª horo enla strato Esperanto, kie oni metis du florbukedojn, po unu apud ĉiu nomtabulo, en la du enirejoj al la strato ne tre longa. Pluvo minacis kaj blovadis iom forta vento, ebla ido de tiu vento, kiu de loko al loko per ĝiaj flugiloj portas la senton kaj la vokon prikantatajn en nia himno.

Oni iris poste al la Teatro de la katedrejo "Jovellanos", kie situas nia Asociejo. Tie, kvarono post la 12ª horo, s-ano Santiago Mulas, nia prezidanto, malfermis la duan parton de nia programo per mallonga, sed vere trafa, prezentado de S-ino María Rafaela Urueña Alvarez, prezidantino de H.E.F. kaj prelegontino en ĉi tiu okazo, tiucele alveninta la antaŭan tagon kune kun sia edzo S-ro Luis Hernández, sekretario de H.E.F. Ili ambaŭ multe honoris nin per sia ĉeesto. S-ano Mulas prezentis unue en Esperanto kaj poste en la hispana lingvo por tiuj simpatiantoj, kiuj ne kapablas kompreni nian karan lingvon.

S-ino Urueña prelegis tuj poste dum preskaŭ kvardek minutoj pri la temo " Esperanto: ĉu utopio aŭ socia neceso ? ". La prelego estis tre interesa, tre lerte prilaborita kaj tre plaĉe dirita kaj neniel enuiga. Nia elstara prelegantino aŭdis viglan aplaŭdadon je la fino de sia parolado.

Post la prelego de S-ino Urueña, S-ro Javier Suárez Quirós, ankoraŭ tre juna knabo, tre lerte ludis preskaŭ artisme sur la orgeno ses diversajn komposiciojn, kiuj multe plaĉis al la ĉeestantaro, al kiuj tute surprize li aldonis ludadon de " La Espero " post la longa aplaŭdado per kiu oni estis premiinta lian antaŭan muzikadon. Imagu nun la aplaŭdadon !

Venis tuj poste la vico por la "Coro Asturiano de la Calzada" supreniri al la scenejo. Tiu astura ĥoro kantis per bonegaj stilo, harmonio kaj regado ok diversajn kantojn kaj, aŭdinte la entuziasman aplaŭdadon de la tuta ĉeestantaro, ili "donacis" al ni unu plian pecon konsistantan en kristnaskokanto, siavice longe aplaŭdata.

Tiamaniere oni alvenis al la fino de la dua parto de la festprogramo, kaj kvin minutoj antaŭ la 14ª horo, komencis la pogrupeta "defilo" celante la restoracion, tute proksiman, kie jam atendis nin la plej "laboriga" parto de la programo (ĉar temas pri la nura parto en kiu ĉiuj kunlaboras per sia propra peno; en la ceteraj partoj kunlaboras nur tro malmultaj) : <u>la bankedo</u>.

La bankedo estis programita por la 14ª horo, sed, kiam oni jam estis preta sidiĝi, oni konstatis kun teruro, ke la tiam plej elstaraj geedzoj -la prezidantino kaj la sekretario de H.E.F.- estis malaperintaj. La minutoj pasadis kaj oni ne sukcesis trovi ilin. Subite iu diris, ke ili estis homrabitaj de iu babilema samideano. Sed, kie ili estas? Kion fari? La konsterno rapide iĝis pli kaj pli granda. Multaj rigardoj iris de la tablo al la pordo kaj de la pordo al la tablo. Sed jen Julio (kompreneble, Julio!! Ĉu vi memoras? Julio Argüelles, la "heroo" de la akrostiko aperinta en la lasta numero de "HELECO") prenis sian surtuton, svingis sian pluvombrelon, eliris...kaj dek minutoj poste li reaperis kun ĉiuj malaperintoj, homrabinto kaj homrabitoj.

Kaj oni, en samideane agrabla etoso, bankedis, babiladis, kantadis, amuziĝis - dum kelkaj neforgeseblaj horoj.

ALCIBIADES GONZALEZ MEANA

# DIVERSAĴOJ

Hispanio ricevas -kaj adiaŭas- senĉese vizitantojn, kelkaj el kiuj havas specialan gravecon, ĉu ĉar ili honoras nin per sia personeco precize dum tiu vizito, ĉu ĉar ili donas informojn pri ni en aliaj lokoj, kie estos celebrata la hispana afero. En ambaŭ situacioj estas la eminentulo Pavel Stepanek, grava per si mem kaj ĉar li estas eminentega hispanisto en lando de malabundaj kulturaj kontaktoj kun la nia, kiel Ĉeĥoslovakio. Ĉi tiu erudiciula konservanto de la galerio (muzeo) de Centra Bohemio de Prago, konas perfekte la Kastilian Lingvon kaj estas sperta pri hispana arto, dediĉante sin ordinare en la bela ĉefurbo ĉeĥoslovaka, al restudado de la verkoj de la hispana arto, alĝustigante rigore la atribuadojn, kaj al malkovrado de pentraĵojn, lignoskulptaĵojn, gravuraĵojn, ceramikaĵojn, k.a. Naskiĝinte en la 1.942ª jaro, li jam estis en Hispanio, kvankam dum mallonga tempo, en 1.968ª kaj 1.969ª jaroj, ne vizitinte aliajn landojn ol Portugalion kaj Meksikion, en kies aŭtonoma universitato li restis kiel vizitanta profesoro en 1.982ª. Kiam li revenis en Hispanion dum la aŭtuno de 1.983ª, rememoris perfekte ĉion, kion li estis vizitinta dum sia restado de antaŭ dek-kvin jaroj, ĉar krom nekredebla vida memoro (kaj la alia) li pasigas horojn, tagojn kaj eĉ jarojn en sia patrujo pendante al ĉio nia, studante kaj rekonstruante nian kulturon, mi ne scias ĉu kun tiom da erudicio kaj sindono kiom da amo aŭ inverse. Frukto de ĉio tio, krom la multenombraj publikaĵoj kaj prelegoj, estas la gvidilo de Hispanio en ĉeĥa lingvo, jam en la presejo, kaj kies presprovojn li kunportis por korektado, neniam pli bone dirite, sur tereno.

## SPECIALISTO EN LA PENTRARTO

Pavel Stepanek (Pablo Estébanez) venis en nian Patrujon invitite de l'Instituto Ibera-Amerika de Kooperado prelegante en la Muzeo de l'Prado kaj en pluraj hispanaj universitatoj (Valencio, Barcelono, Murcio). Pri la graveco de lia personeco, konata en la specialiĝintaj medioj hispanaj de la 1.964ª jaro, kiam li komencis siajn publikaĵojn pri hispana arto, povas diri iom la fakto, ke la Hispana Reĝo Don Johano Karolo la Iª adresis al li ĝentilan leteron (parte manskribitan) dankante al li pro lia sindediĉo al nia arto kaj speciale al nia pentrarto. Sed por fari al si eksaktan ideon de la enorma laboro de l'profesoro Stepanek estas necese koni la kvanton de publikaĵoj kaj prelegoj, kiujn pri hispana kaj ĉeha artoj esence konsistigas lian havadon de 1.966, el kiuj elstaras la libro titolita "Portretoj de hispanaj pentristoj" (en Ĉeĥoslovakio), samkiel la esplorado pri hispana ceramiko (metala respegulo) kaj la malkovro de novaj lignoskulptaĵoj de hispana religia skulparto ktp, ktp. Lia specialeco, malgraŭ ke li konis nian tutan arton, estas la pentrarto, la desegnarto, kaj la antikva gravurarto kaj precipe niaj pentristoj de la XVIª, XVIIª kaj X VIII-a jarcentoj, kvankam ankaŭ mirigu la profunda scio, kiun li havas pri la nuntempa arto, kies artistojn kaj verkojn li sekvas kun intereso. Kaj alia kurioza karakterizaĵo de lia esplora aktiveco estas la ikonografio, la hispana en lia lando kaj la ĉeĥa en Hispanio, kiel en la kazo de Sankta Johano Nepomuceno, kanoniko de Bohemio, kies religia fervoro disvastiĝis ankaŭ tra Hispanio ekde la XVIIª jarcento, trovinte en Hispanio multenombrajn figurojn de tiu sanktulo, kiujn li notas zorgeme. Kaj ankaŭ estas elstariginda la fakto, ke li konas dek lingvojn (ĉu ankaŭ Esperanton ?) kiuj ĉefe servas al li por konsulti kiom da bibliografio povos alporti informojn por sia esplora laboro.

Kaj malgraŭ ke tio ne estu lia kompetenteco, kiel intelektulo kaj fervorulo pri ĉio hispana li estas ankaŭ bona konanto de tio iberamerika), li sekvas bonan parton de nia literaturo, speciale la poezio, pri kiu li konis niajn esperimentajn avangardojn de la komenco de la sepdekaj jaroj. Kaj ne estas malgranda lia laboro en la literatura tereno, ĉar li informas en Ĉeĥoslovakio pri tio, kion oni faras ĉi tie havigante elektitan bibliografion por studoj kaj eblaj tradukoj por la malmultaj verkistoj, kiuj tie konas la kastilian lingvon.

## SPECIALA FIGURO

Nelacigebla ĉe la labora tablo, vojaĝante kaj rigardante lia figuro inter eŭropa, orienta kaj araba (tio estas, preskaŭ hispana), en malmulte da tempo fariĝas karakteriza por tiuj, kun kiuj li eĉ nedaŭre kunvivas. Amanto kaj bezonanto de kameraoj kaj de la ĉambromuziko li portretas la pejzaĝon de la artaj realigaĵoj kaj tiun de la naturo.

→

Kaj kvankam li skribas sur klasikmuzika fono kaj lian dediĉon al la antikva arto estas pli granda, tio ne enfakigas lin en maljunan estetikon aŭ simple kiel historicisto. Klerulo pro alvokiĝo kaj scioj kaj trafe sen dogmatismoj en la asertoj, li estas ankaŭ sufiĉe naiva por ĝui la malgrandajn aferojn de la alia ne malgranda arto kiu estas la vivo. Edziĝinto kaj kun tri filoj, ni imagas ĉi tiun viron inter mezepoka kaj klerisma distribuanta en la baroko de Prago siajn tagojn: la galerioj, lia familio kaj kelkaj intelektuloj, kaj daŭre repasante tra tiu kupolumita idealeco kiu estas la ĉefurbo Bohema, labirinto de nostagioj kie alia fama ĉeño, Franz Kafka, revis ĉesi esti monstro, iluzio neebla, kiu afekcias nin ĉiujn.

ANTONIO L. BOUZA (tradukita el la ĵurnalo "La Nueva España", de Oviedo).

## IMITINDA EKZEMPLO

La 30-an tagon de la pasinta Novembro ĉesis esti Direktoro de Radio Junularo de Asturio, antaŭe Radio Langreo, plenuminte tiun postenon dum tridek jaroj, sinjoro Eladio Miranda Fernández. Lian laboron formi novajn radiofonistojn ( multaj el ili plenumas postenojn gravajn ) kaj plie disvastigi la kulturon en ĝiaj diversaj aspektoj, mi devas rememori dankeme, kaj ankaŭ lia elsendilo estis la unua en Asturio kiu, post nia civila milito, akceptis meti en antenon programojn pri la internacia lingvo Esperanto, elsendoj kiuj daŭris dum la jaroj 1.955/1.957. Kaj poste, ĉiam, kiam mi povis sendi al li miajn modestajn kontribuaĵojn. En la elsendilo Radio Gijón, li havas almenaŭ du disĉiplojn. Ĉu ili sekvos la belan ekzemplon de sia instruisto ?

Estus por mi tre agrabla afero, kaj samtempe mi deziras al la ĝentila eks-Direktoro agrablan kaj longan emeritan situacion.

## DANKON KAJ GRATULON, AMIKO ALCIBIADO

Dankon pro la bela artikolo, kiun vi dediĉis al mi en la 33ª numero de nia kara gazeto "HELECO", okaze de mia nomumiĝo kiel "HONORA MEMBRO", far la estraro de A.E.A. kaj mia elektiĝo kiel "SANTIAGUIN 1.983" fare de la estraro de la "ASOCIO DE FESTOJ DE SAMA DE LANGREO", honore al Sankta Jacobo, pro mia modesta - laboro favore al Esperanto, tiu lingvo kiu por multaj personoj estas vera utopio, sed no por ni, la geesperantistoj, kiuj senĉese konstatas, ke ĝi estas vera socia realaĵo samkiel mirinda interkomunikilo. Gratulon pro via bela, interesa kaj instrua rubriko "La Verda Komisarejo", tre utila por la samideanoj, kiuj deziras plibonigi sian regadon de la esperanta lingvo.

Pri tiu rubriko, barcelona amiko skribis al mi la jenon:

"HELECO" ĉiam estas interesa, sed unu el la ĉefaj artikoloj kiu mirigas mian atenton estas sendube "La Verda Komisarejo pro ĝiaj klarigaj lecionoj.

Mi ripetas, kara amiko: mian dankon kaj mian gratulon.

## BONDEZIROJ

Feliĉan Kristnaskon kaj Prosperan Novjaron al ĉiuj legantoj de "HELECO"

INSTRUISTO

# Niaj Geamikoj el....

## ....Argentino




En la orkolora kaj silenta vesperiĝo, kaŭre perdita en la - pampa senfineco, kuŝas Huinkulo, griza, plata vilaĝo konsistanta el duobla vico da adobaj dometoj, kadukigitaj de la pampa polvo kaj ĉirkaŭataj de ligustra heĝo. Laŭlonge de la dometoj kuras trotuaro el tretita grundo, apartigita disde la ŝoseo per kvazaŭabarilo el du malstreĉitaj, rustaj dratoj, subtenataj de nerabotitaj palisoj, ŝirmanta la ligustran heĝon kontraŭ la glutemo de pretervagantaj bovinoj kaj ĉevaloj. El la sola vilaĝa strato la milda vento levas subtilan polvamason, kiu poste, malrapide falanta, grizigas la kadukajn dometojn, la sekajn kaj neglektitajn - ĝardenojn kaj, dum la klaraj lunnoktoj, vestas fantome la rakitajn kaj malabundajn arbojn. Torpore kaŭriĝinta en la premanta soleco, ĝia sola komunikilo estas polva vojaĉo, kiun la pluvoj transformas en netraireblan kotejon.

La suno, kvazaŭ kupra hostio, iom post iom dronas en fajran maron ruĝigantan la krepuskajn nubojn. En la soleca strato oni vidas nur Don Reno-n, la vilaĝan ĉiovendiston. Dikventra malaltulo, lia larda vizaĝo ŝajnas apogi sin sur la soklo formata de la kolfaldo kaj cerviko unuiĝintaj en grasa ringo.

Malaperis la suno kaj tra la vesperruĝo ĝiaj radioj eliĝas ventumile kvazaŭ hirtaj fingroj. Je la milda lumo la ĉiovendisto, kun manoj dorse, penseme, ir-kaj-revene promenas. Ek de kelkaj tagoj mordas lin zorgo pri estonta necerteco. Huinkulo estas mortonta vilaĝo kaj baldaŭ ĝi estos nur rememoraĵo en la senhoma ebenaĵo. Obs



tina dujara senpluveco velkigis la paŝtejojn. Oni devis vendi la brutarongia sola riĉaĵo- por eviti ĝian perdon. Ĉiuj, kiujn oni ne povis vendi, mortis, kaj nun iliaj ostaroj blankiĝas sub la kalcina suno. La loĝantaro elmigras kaj preskaŭ ĉiutage oni povas vidi ĉareton malproksimiĝantan laŭ la polva vojo, ŝarĝitan per la malmulta hejmilaro de familio forpelita de la senpluveco. Nur ne foriris la plej obstinaj, la plej inklinaj al la naskiĝloko.

Restas nur la vesperruĝo kaj Don Reno daŭrigas sian ir-kaj-revenan promenadon. Li estas la mastro de la vilaĝa ĉiovendejo, kie la loĝantoj aĉetas ĉion: plugilojn kaj ĉiuspecajn -ilarojn, vestojn kaj ŝuojn, konservaĵojn kaj parfumboteletojn. Lia domo, samtempe vendejo kaj trinkejo, estas la kunvenejo de la loĝantaro, la loko, kie oni povas havigi al si ĉiujn vilaĝajn sciigojn. Tie stagnas la babiladoj, klaĉaĵoj kaj pikparoloj de la vilaĝo. Sed nun, ĉiutage, malpliiĝas la ĉeestantoj en la drinkejo. Oni jam ne aŭdas en la ejo la murmuron de konversacioj kaj la rideksplodojn invadantajn la silentan strateton. La malmultaj loĝantoj ankoraŭ restantaj, timigitaj de la senpluveco, ne emas viziti la drinkejon. Se li ne trovas la rimedon por eviti la iom-post-ioman foriron, li mem baldaŭ devos laŭiri la saman vojon. Jen la kaŭzo de lia zorgo. Li cerbumadas kaj remaĉadas por solvi ĉi tiun gravan problemon. Estas urĝe havigi okupon al ĉiu el la restantaj loĝantoj. Sed.... kian okupon ?

Estas jam profunda nokto, kiam - li haltas antaŭ la magazena pordo kaj sur lia plenluna vizaĝo ekfloris triumfa rideto. Post tiom da cerbumado subite venis en lian kapon la savonta - ideo. Tio, kio mortigadis Huinkul-on, pli ol la senpluveco, estas ĝia izoliteco. Se ĝi havus pli bonajn vojojn, ne nur oni savus la brutaron, sed ĉar ne urĝus vendi ĝin, eble oni povus atingi pli bonan prezon. Do, estas urĝe konstrui novan vojon aŭ plibonigi tiun jam ekzistantan kaj - kiel li emfaze diris - malfermi pordon al la progreso.

Li entuziasme eklaboris por realigi tiun ideon. Por konvinki siajn samvilaĝanojn li menciis la gajnojn - akirotajn per tiu nova vojo, kiu eble malfermos pordon al la turisma alfluo.

- Sed, kion interesan trovos ĉi tie la turistoj ? - iu ŝerce demandis.

Kun la grasa vizaĝo ekruĝiĝanta li respondis rapide kaj tranĉe:

Ĉu vi opinias nesufiĉa ĉi tiun sovaĝan kaj severegan pampon ? En aliaj landoj posedantaj malpli da vidindaĵoj ol ni, svarmas la turistoj . Kaj, kion vi opinias pri la sunsubiroj, kiuj en la pampo estas nekompareble mirindaĵo ? Kompreneble, vi nesufiĉe taksas ilin, ĉar por vi ili estas ĉiutaga spektaklo. Ni havas ankaŭ la gaŭĉojn, tiujn modernajn centaŭrojn , kiuj pasigas preskaŭ sian tutan vivon surĉevale kaj tute facile lazas sovaĝajn ĉevalojn kaj sensele dresas ilin. Jes, ni havas multon proponotan al la turistoj. Al ni nur mankas decaj



vojoj por ke la turistoj povu alveni ĝis ĉi tie.

Pro la entuziasmo la pufa graso de lia mentonfaldo tremis kvazaŭ flano, kiam li priskribis la alvenon de la turistaj karavanoj: angloj seriozaj, silentemaj, kiuj nur deziradas ĉion vidi kaj konstante konsultadas siajn gvidlibrojn;ridetantaj kaj parolemaj usonanoj fotantan ĉion, kion ili vidas;graskolaj germanoj elparolantaj la ro-n guturale kaj sonore, kvazaŭ tondra ruliĝado;kaj ĉiuj postlasantaj alfluon da sterlingoj,dolaroj kaj markoj,kiujn ni povas rikolti preskaŭ senlabore.

Per sia vendista persvadpovo li konvinkis siajn samvilaĝanojn.Oni elektis komisionon,kies estro aŭ prezidanto estis Don Reno, por prezenti la projekton al la provincestro. Ankaŭ tie Don Reno,malŝparis sian fenican elokventecon;ĝi ne fiaskis nur dank'al la politika situacio. Alproksimiĝis la elekto de nova provincestro kaj la nuna bezonis faktojn por pravigi sian administradon.La ideo pri la nova vojo alvenis en la oportuna momento kaj la provincestro akceptis ĝin. Sub la slogano "VOJO POR LA PROGRESO" oni propagandis pro politikaj celoj.

Tiam alvenis al Huinkulo kamionoj ŝarĝitaj per sablo kaj gruzo, kiujn oni amasigis je ambaŭ bordoj de la malnova vojo.Poste alvenis aliaj ŝarĝitaj per sakoj da sablo kaj cemento. Laste alvenis strangaj maŝinoj: maŝinfosiloj, kiuj levas la teron kaj postlasan profundan fosaĵon;betonmiksiloj kiuj senlace turniĝadas dum ili englutas gruzon,sablon kaj cementon kaj poste vomas grizan kaj viskozan mason. Inter la bruantaj maŝinoj svarmas amaso da laboristoj.Ĉiuj loĝantoj de Huinkulo havas okupon, eĉ la elmigrintoj, kiuj revenis tuj, kiam ili sciis, ke en la vilaĝo ili povas havi okupon.

Preskaŭ je la fino oni devis prokrasti la laborojn kaŭze de la pluvo. Komence okazis pluvego, kies grandaj akveroj oblikve strekis la aeron kaj krake tamburadis sur la tegmentoj.Sekvis persista kelktaga pluveto.La ebenaĵon kovris brile griza akvotavolo sur kiu la akveroj dancigis fantastajn arabeskojn etenditajn ĝis la senfineco.

Dum la pluvaj ripoztrudaj tagoj denove aŭdiĝis ridegoj kaj konversaciaj murmuroj elirantaj el la drinkejo.

- Saviĝis Huinkulo - diradis Don Reno -, kaj dank' al la nova vojo venos la progreso en la vilaĝon.

Li ne estis tute certa kio estas la progreso, sed li konsciis,ke temas pri monhava moŝtulo. Kaj li, kune kun siaj klientoj tostis je tiu nekonata kaj mistera progreso riĉigonta ilin.

Fininte la vojon, por la inaŭguro oni aranĝis feston, kiun ĉeestos la provincestro.La matenon de printempa luma dimanĉo granda homamaso kunvenis en Huinkulo. Tra la kampoj alvenis tumultemaj aroj da rajdantaj gaŭĉoj, ĉirkaŭvolvataj de densaj polvamasoj.Laŭ la nova inaŭgurota vojo alvenis bovoĉaroj,kabrioletoj, malnovaj aŭtomobiloj kaj aŭtobusoj plenaj de ho-



moj. Brua amaso invadis la vilaĝan - straton kaj plenigis la drinkejon.

Multnombraj drapiraĵoj kaj flagetoj ornamis la vilaĝon. Blanka rubando - trairanta la novan vojon indikis, ke ĝi ankoraŭ ne estis inaŭgurata. Tra la nova vojo flirtadis afiŝego, kiu heroldis per grandaj ruĝaj literoj:

"VOJO POR LA PROGRESO"

Ekde tre frue oni jam pretigis gigantan viandrostadon por satigi la glutemon de tiu amaso. Kelkaj bovidoj - krucume alkroĉigitaj al feraj krucoj rostiĝas ĉe la varmo de grandaj fajroj. Sur rostkradoj rememorantaj, laŭ sia amplekso, tiun de Sankta Laŭrenco, rostiĝas la mamoj, ĉiuspecaj kolbasoj - kaj bongustaj tripaĵoj. En apuda kampo - ankaŭ propraĵo de Don Reno - tabulaj podioj plenumas la rolon de dancejoj.

La aero saturata de la rostaĵa odoro vekas la apetiton de la amaso, glutema kaj soifa, kun granda kontento de Don Reno, kiu enkasigas monon dank'al la nova vojo.

Antaŭ la tagmezo, per tondilo liverita al li de la urbestro, la provincestro tranĉis la blankan rubandon - simbole malfermantan la novan vojon. Estiĝis bruega kriado kaj samtempe la aeron tremigis la petardeksplodoj.

Posttagmeze okazis la kamparaj - festoj per kiuj la gaŭĉoj elmontris - sian rajdan lertecon: ringokuroj, piedlasado de bovidoj, sensela dresado de sovaĝaj ĉevaloj kaj la kamparaj ĉevalvetkuroj, per kiuj la gaŭĉo kontentigas sian senmezuran emon al la hazarludoj. La kriado de la vetantoj kaj la polvamaso kaŭzata de la ĉevaloj, soifigas la ĉeestantojn, kiuj alkuris en la drinkejon por sensoifigi sin.

La amuzo kaj dancado daŭris ĝis profunda nokto. Poste, iom post iom, rajdeaŭ sur la malnovaj veturiloj, la homamaso disiris en la malluma pampo ĉirkaŭvolvita en la blua ektremo de la "kokujoj" (1)

Je la tagiĝo ĉiuj dormis en Huinkulo krom Don Reno, kiu kalkuladis. La gajnoj de la antaŭa tago estis grandaj kaj la ĉiovendisto frotis siajn manojn. Almenaŭ por li, la nova vojo jam komencis alporti la riĉaĵon.

Li absorbiĝis en siaj kalkuloj - kiam li sentis bruon, kiu igis lin iri al la malfermita fenestro. Laŭ la nova vojo alproksimiĝas nigra aŭtomobilo.

- Kiom fruemaj turistoj! - li frande delektiĝis - kaj li aliris al la pordo por akcepti ilin.

La aŭtomobilo haltis kaj eliris 4 uloj, kiuj alcelis lin per aŭtomataj - pistoloj. Unu el la uloj ordonis al la ĉiovendisto:

- Rapide, donu la monon.

Post la senmoniĝo ili eniris en la aŭtomobilon kaj foriris tiel rapide - kiel ili venis.

Mire kaj kun stuporgesto sur sia ronda vizaĝo, ĉe la milda lumo de la tagiĝo, Don Reno rigardadis la forkurantan aŭtomobilon, kiu nun sin ŝovas sub la afiŝego krianta per ruĝaj literoj: "VOJO POR LA PROGRESO".

(1) "kokujoj" = Speco de lampiroj

# KUIRANTE KUN PILAR

## KRISTNASKA KUKO

INGREDIENCOJ: 360 gr. da butero
360 gr. da sukerpulvoro
480 gr. da faruno
180 gr. da sekvinberoj
60 gr. da migdaloj pecetigitaj
6 ovoj
1 tekulero de fermentaĵo
1 tekulero da spicaro
3 ĝis 4 supkuleroj da konjako
½ tekulero da vanila ekstrakto
raspita ŝelo de ½ citrono
pinĉaĵo da salo
pinĉaĵo da muskato

---

Preparu miksaĵon per la butero kaj sukero. Aldonu ovon post ovo al la butermiksaĵo, senĉese kirlante.

Kribu la farunon kun fermentaĵo kaj salo kaj aldonu al la miksaĵo iom-post-iom plukirlante la tuton.

Enmiksu la sekvinberojn, citronŝelon, muskaton, migdalojn, spicaron, vanilan ekstrakton, kaj konjakon.

Kiam ĉio estu bone miksita metu ĝin en bakujon ŝmiritan per graso kaj baku je malalta temperaturo, dum - proksimume du horoj.

Elprenu el la bakforno kaj kiam la kuko estu tute malvarmiĝinta, sukerumu ĝin

BONAN APETITON !

# KALENDARO POR LA JARO 1.984

## JANUARO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | | | | 1 |
| 2 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 3 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 |
| 4 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
| 5 | 23/30 | 24/31 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 |

## FEBRUARO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 6 | | | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
| 7 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 8 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 |
| 9 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 |
| 10 | 27 | 28 | 29 | | | | |

## MARTO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 10 | | | | 1 | 2 | 3 | 4 |
| 11 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |
| 12 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 |
| 13 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 |
| 14 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31 | |

## APRILO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 14 | | | | | | | 1 |
| 15 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 16 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 |
| 17 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
| 18 | 23/30 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 |

## MAJO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 19 | | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
| 20 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 |
| 21 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 |
| 22 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 |
| 23 | 28 | 29 | 30 | 31 | | | |

## JUNIO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 23 | | | | | 1 | 2 | 3 |
| 24 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 25 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 |
| 26 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 |
| 27 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | |

## JULIO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 27 | | | | | | | 1 |
| 28 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 29 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 |
| 30 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
| 31 | 23/30 | 24/31 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 |

## AŬGUSTO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 32 | | | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
| 33 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 34 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 |
| 35 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 |
| 36 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31 | | |

## SEPTEMBRO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 36 | | | | | | 1 | 2 |
| 37 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 |
| 38 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 |
| 39 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 |
| 40 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 |

## OKTOBRO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 41 | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| 42 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 |
| 43 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 |
| 44 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 |
| 45 | 29 | 30 | 31 | | | | |

## NOVEMBRO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 45 | | | | 1 | 2 | 3 | 4 |
| 46 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |
| 47 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 |
| 48 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 |
| 49 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | | |

## DECEMBRO

| Sem. | L | M | M | Ĵ | V | S | D |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 49 | | | | | | 1 | 2 |
| 50 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 |
| 51 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 |
| 52 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 |
| 53 | 24/31 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 |